# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 31/05/2014 Cent sesdek sepa eldono 31/05/2014** SENDITA (unua eldono 26/09/2011)



Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**


SENDATA AL 275 La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

## Estontaj kompetentaj Esperantistoj aŭskultas la retradion ĉiun tagon http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html

### Komforta medikonvena veturilo



Biciklo ja estas ege bona veturilo. Neniu alia veturilo superas ĝin en energiefikeco kaj en malaltaj porkilometraj kostoj.

Krome ĝi estas sana, se oni uzas ĝin en freŝa kaj pura aero. Nur rilate al komforto la tradicia biciklo havas malavantaĝojn. Sidi sur malvasta selo estas malagrable, se la veturado daŭras pli longe ol nur kelkajn minutojn. Kaj la sidpozicio por la spino ankaŭ ne estas plej bona.

Sed de jardekoj la tradicia biciklo regas la mondon. Ĉiam ja aperis alternativaj konstruoj, sed ili neniam atingis industrian produktnivelon. Tio verŝajne en antaŭvidebla estonteco ne signife ŝanĝiĝos, tamen ŝajnas ke por la libertempa uzado de bicikloj certa alternativa konstruo de biciklo havas ŝancon gajni signifan parton de merkato. Temas pri kuŝbiciklo kiu ofte aperas ankaŭ en la formo de triciklo.

Kuŝbiciklo estas biciklo kiun oni uzas sidante aŭ kuŝante. Oni sidas sur seĝo kun dorsa apogilo, ne sur selo kiel sur kutima biciklo. Pro tio ke estas loko por kuŝigi la dorson, oni diras ke kuŝbiciklo estas pli komforta por la dorso. Ktp klaku! Aŭskultu! Lernu!

http://esperanto.cri.cn/ Bona Esperanto Bonaj Programoj

# EsperantoTV

http://www.esperantotv.net/

## Pasintaj numeroj de 'Aŭstraliaj Esperantistoj'

Sur la **retpaĝo de AEA** http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo




## Ĉe Lingvaj Festivaloj

Ni devas propagandi per fordono de la senpaga Ŝlosilo.
La ĉeestantoj de lingvaj festivaloj interesiĝas pri lingvoj
La ŝlosilo montras kiel logika estas Esperanto.
Ĉu vi havas pli bonan metodon?

La Kolora Ŝlosilo havas preskaŭ la saman tekston
sed ĝi aspektos pli alloga. Presota baldaŭ



## Esperanto-Domo Sidnejo

Aferkunveno je 11atm. Poste amuzkunveno kun manĝetoj.

La venonta kunveno okazos la 22an de Junio. La 4an dimanĉon de la monato.

## La arĥiva ĉambro en Esperanto-Domo

La bretoj estas aĉetitaj kaj la kunmetiga laboro de ili en la arĥiva ĉambro finiĝis.



### Huigh Malcolm raportis

Ĉi sube, mia raporto pri progreso dum la lasta semajno....

Lastsemajne okazis granda antaŭenpaŝo por la AEA libraro kaj arĥivo.

Post pli ol ses monatoj da negocoj pri bretoj, mi decidis ke novaj ne-tro-altaj bretoj estus kaj pli konvenaj kaj malpli danĝeraj kaj malpli multekostaj ol uzitaj bretoj kiuj staras 2.5m altaj. La malpli multekosta vendisto estas Bunnings do, kun la permeso de la estraranoj de AEA kaj EFNSK, mi mendis bretojn de la plej proksima Bunnings en Alexandria.

Pasintan mardon mi ricevis telefon-vokon de ege helpema asistantino en tiu butikego kaj ŝi diris ke ili pretas liveri la bretojn "ĉi semajne".
Post kelkaj hastaj telefon-vokoj mi ankaŭ estis preta trajnvojaĝi al Sidnejo la postan tagon. Ni aranĝis la liveron por ĵaŭdo. Mi alvenis en la Esperanto-Domo merkrede vespere kaj scivolis ĉu la bretoj vere alvenos morgaŭ? Roĝero atentigis Sidnejajn Esperantistojn ke la bretoj estos liveritaj.
Kaj unu el la plej rekompencaj momentoj de la semajno, por mi persone, okazis kiam mi eniris la dormĉambron ĉe la E-Domo kaj trovis ĉekon por la sumo kiun la EFNSK promesis kontribui por la bretoj. Mi sentis ondon da 'bonhomie' aŭ eble homaranismo pro ricevo de rekompenco antaŭ ol mi petis ĝin!



Iom post tagmezo jaŭde, la bretoj alvenis kaj, laŭ la kondiĉoj de la aĉeto, ili estis liverataj supre en la dua etaĝo (la bretoj estas pezaj kaj ni Esperantistoj estas plejparte maljunaj kaj ne tiom fortaj kiom en pasintaj jardekoj). Mi komencis ludi kun la unua bretaro, lernanta per la eraroj. Sed mi almenaŭ finis fuŝi ilin antaŭ ol Dmitrij, Lumera kaj ŝia amiko David eniris kaj komencis helpi. Ne tro longe poste alvenis ankaŭ Ian Wylles kiu jam volonte helpis dum antaŭaj vizitoj. Lumera kaj David ne povis resti longe (sed ĝoje helpis), Dmitrij kaj Ian laboris peneme. Je la fino de la tago tri kvaronoj de la tuta bretaro estis kunigataj. Ian atentigis nin ke, pro la malebeneco de la planko kaj la penetrebleco de la linoleumo sur la planko, ni bezonus iujn lignajn tabuletojn por enmeti inter la piedoj de la bretoj kaj la linoleumo.









Vendrede matene, mi vekiĝis frue kompare kun mia hejma kutimo. Momentojn poste, oni frapis sur la dormĉambra pordo, estis Dmitrij kiu demandis:
"Kion mi faros nun?" Post kiam mi min duŝis kaj haste iomete matenmanĝis, mi iris en la 'librarĉambron' kaj trovis ke Dmitrij estis kunmetinta la lastajn bretarojn kaj nun estas riparanta miajn fuŝojn pri la unua bretaro. Li trovis unu du pecetojn da forĵetota lamenigita ligno por enmeti sub la piedojn de la larĝaj bretoj en la ĉambromezo kaj, poste, ni komencis porti skatolojn de libroj el la apuda pli granda ĉambro kie mi lastmonate portis ilin por malplenigi la 'librarĉambron' por ricevi la bretojn.



Je la deka kaj duono mi devis halti por prepari min por forirado. Je la dekunua, mi forlasis la E-Domon kun Dmitrij ankoraŭ portanta

skatolojn en la librarĉambron. Pro la grandaj laboroj de kelkaj helpantoj, estis multe pli farite dum la du tagoj ol mi antaŭvidis.

Estas malmultaj eminentaj Esperantistoj kiujn oni honoras per elekto al la Akademio de Esperanto kaj oni nomas ilin Akademianoj. Mi proponas ke Dmitrij Lushnikov, pro lia agademeco, estus nomata la unua Agademiano.

Amike, Huigh



Multe da progreso. Nun la bretoj bezonas esti kunligitaj, niveligitaj kaj fiksitaj en siaj lokoj. Poste libroj devos esti sur la bretoj en logika ordo. Multe da laboro ankoraŭ estos farata antaŭ ol la arĥiva ĉambro funkcios. Roger Springer



Miajn tre sincerajn gratulojn al ĉiuj koncernaj Agademianoj. Ne nur beletaj vizaĝoj, do?!
Mi esperas, ke la NSK Fed. kaj AEA ankaŭ estos bonkoraj kaj donacemaj, agnoskante ankaŭ la daŭran laboron de Roger, per ĉekoj por stako da "Ŝlosiloj" celante disdoni ilin ĉe ĉiu onta lingvo-festivalo. Sen novaj anoj, nia movado paŝon post paŝo malaperos. Kaj sen varbado, novaj anoj ne aperos.
Bondezirojn al ĉiuj - Vera Payne



**Ignite Sydney** (http://www.ignitesydney.com) La evento kiu enhavos Esperanton okazos la 16-an de Julio ĉe "Oxford Art Factory - 38 Oxford St Darlinghurst" La pordoj malfermiĝas je la 6-a kaj prelegoj komenciĝos je la 7-a. Kompreneble ĉiuj Esperantistoj estas invititaj. Kutime partoprenas pli ol 500 homoj.

## Pri la Raporto de Richard Delamore

Saluton Roger kaj dankon pro la regulaj sendadoj de la Aŭstraliaj Esperantistoj
En unu el la lastaj numeroj de Aŭstraliaj Esperantistoj Richard Delamore anoncas baldaŭan prelegon en kiu necesas bone elpensi kio estas la koro de la prezentado por elekti la plej taŭgajn bildojn. Plie la tempo por paroli pri tiuj bildoj estas ege mallonga.
Ĝuste en la SAT-kongreso en Madrido en aŭgusto 2013 Manolo Pancobo organizis tiajn rapidajn prelegojn sub la nomo de Peĉakuĉo.
Evidente multe pli da homoj havas la oportunon sin esprimi per tiu sistemo.
Mi intervjuis Manolo-n kaj baldaŭ disaŭdigos la intervjuon en Esperanto-elsendo de la radio 3ZZZ probable la 16an de junio . Franciska Toubale

## **Peĉakuĉo.** El Vikipedio, la libera enciklopedio

**Peĉakuĉo** (jap. ペチャクチャ - "senorda babilado", elparolu: peĉa-k'ĉa) estas prezentadmetodo, en kiu la prezentanto rajtas montri nur 20 bildojn kaj paroli nur dum po 20 sekundoj pri ĉiu bildo (do 6 minutojn 40 sekundojn entute). La formo estas tre taŭga por rapida diskonigo de novaj ideoj kaj projektoj, interalie artaj kaj modaj – sed ankaŭ sciencaj. La metodo estis iniciita de Astrid Klein kaj Marka Dythama en 2003.
Dum tielnomataj ”peĉakuĉaj noktoj” (*PKN*) pluraj peĉakuĉoj sinsekve montriĝas, kutime 14 (do 1 horon, 33 minutojn kaj 20 sekundojn entute).
Ekzample http://www.delbarrio.eu/blo/2010/12/pechakucha-dirac/

Jen la amikino de Benny Lewis post **3-semajna lernado** de Esperanto.




https://www.youtube.com/watch?v=TGACDw-JlX0

Amike, Nicole

## **ABC Melburna intervjuo**



Por tiuj kiuj loĝas en Melburno, la venontan ĵaŭdon Heather Heldzingen estos intervjuota de Richard Stubbs je 1.30 ptm en la radio stacio ABC 774 pri Esperanto.



## **Naskiĝtagaj bondeziraj leteroj por Roger Springer**



Kara Roger,
Sinceran gratulon al vi! Espereble vi havis agrablan tagon kaj ni deziras al vi, ke via ĵus komenciĝinta nova vivojaro estu plena de aferoj kaj sentoj, kiuj feliĉigos vin. Amike, Katja kaj Trevor..

*Kara Roger !*



Koran dankon pro la bonega "Aŭstraliaj Esperantistoj", kiun mi ricevis hodiaŭ !
Inter multaj aliaj aferoj surprizis min, ke vi festis vian naskiĝtagon la 22-an de majo. Mi bone komprenas, ke nun vi estas jam 83-jara. Do iomete pli ol unu jaron pli aĝa ol mi.
Permesu do al mi, ke mi elkore gratulu vin pro tiom da, espereble, feliĉaj jaroj! Mi gratulas vin ankaŭ pro viaj grandaj atingoj por la progresado de Esperanto, ne nur en

Aŭstralio, sed en la tuta mondo danke al via bonega gazeto "Aŭstraliaj Esperantistoj".

Refoje koran dankon pro ĉio, kion vi faras por ni ĉiuj kaj por Esperanto. Kaj, **"Feliĉan malfruan naskiĝtagon" de Bob Felby**

# La Adelajda Lingva Festivalo 17 Majo 2014



Gratulojn al Prof. Ghilad Zuckermann, Sandor, Trevor, Katja kaj Indrani pro la unua Universitata Lingva Festivalo, en kiu ankaŭ rolis Esperanto. Longe ULF prosperu.
Vera Payne

# Rakontoj de BookBox



Karaj,
La kolekto de rakontoj en Esperanto de BookBox pligrandiĝas. Unu plia estis aldonita hodiaŭ https://www.youtube.com/watch?v=wQlpf06husM
Amike, Nicole

# AEA Informas

## Aŭstralia Esperanto Asocio

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001
Vidu AE168







## nova dezajno de ŝildo por ED

(Por la aprobo de la EFNSK Direktoroj)

Tio estas mia ideo por nova ŝildo.
Bv., diru viajn opiniojn.
Materialo: vinilo, grandeco: 900 x 500 mm,
Dmitrij

**Jonathan** sugestis kolorajn, literajn ŝanĝojn.

La celo estas refari la du malnovajn, kadukajn, ŝildojn ĉe la antaŭa strata flanko de Esperanto-Domo.
Miloj da universitataj studentoj piede preteriras ED irante al la Sidneja Universitato, ĉiun tagon.